

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

H·K·B·

OFICIALA ORGANO
DE TUTMONDA ASOCIO DE
GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ
T. A. G. E.

7-a JARO N-o 9-10 SEPTEMBRO-OKTOBRO 1928

# TARIFO DE LA ABONPREZOJ.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 4 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉek. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | drahmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | eskud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1,— M por la germ. asocio, kaj 3.—M por Int. Ped. Revuo) al ĝirokonto „Esperanto-Vereinigung deutscher Lehrer, Leipzig-Leutsch, No.27.857", membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, Dresden, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.



# AGENTOJ DE TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En Landoj**

Angla: F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex.

Aŭstra: Josef Feder, Wien II/I, Erlafstr. 8/9.

Belga: Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles. poŝtĉ. 124.801.

Blankrusa: Agentejo Esperanto, D. Snejko, Minsk, Poŝtkesto 33.

Bulgara: Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono.

Ĉekoslovaka: Albin Neužil, lernejestro, Olomouc-Neředin.

Dana: La Forta Voko, Dana Esperanto-Gazeto, Poŝtkonto: 3584. — S-ro Paul Neergaard, Kastelsvej 21, Kopenhago.

Estona: Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn.

Finnlanda: Pârnânen, Sulkava, Lieviska.

Franca: M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret.

Germana: Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer, ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857.

Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.

Hispana: Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona.

Hungara: Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag-utca 9.

Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.

Java: K. Wirjosaksono, Klaten.

Jugoslava: Svetislav S. Petrović, Pirot, Serbio, Novosádska 17.

Litova: A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda.

Nederlanda: P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR).

Pola: K. Majorkiewicz, Czersk-Pom. poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan).

Rumana: Francisko Abel, Ineu, Jud. Arad.

Rusa: Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo

Sveda: Ernfrid Malmgren, Helenebörgsgatan 6, Stockholm.

Svisa: S-ino N. Qumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo.

7-a Jaro. N-o 9-10 Septembro-Oktobro 1928

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: HANS LUDWIG, Pirna-Posta IV-b (Germanujo)
Administrejo: M. GOLDBERG, Frohburgerstr. 68 p., Leipzig S 3 (Germ.), poŝtĉekkonto Leipzig 20 410 — Anoncoj: La linio, 3 mm alta, 6 cm larĝa, kostas 0,30 M.



## Instruist-Asocioj salutas la TAGE-Kunvenon.

En Antverpeno la unuan fojon TAGE ricevis salutojn kaj bondezirojn de instruistaj asocioj el kelkaj landoj: La instruista Asocio de Antverpeno invitis nian asocion, konferenci en sia domo, kaj per reprezentanto salutis nian kunvenon.

Kolego Malmgren-Stockholm esprimis la salutojn de sveda instruistaro esperantista.

La prezidanto de la ĉeĥoslovaka asocio „Obec Učitelska", Ant. Vimmer, sendis salutleteron, kiu estas citata en la speciala raporto pri la kunveno.

La prezidanto de la asocio (National Union of Teachers), W. W. Hill, persone ĉeestis kaj esprimis sian sinceran bedaŭron, ke li ne povas alparoli la esperantistajn geinstruistojn en Esperanto. Li aludis pri la granda intereso, kiun ĉiu membro de la Union (NUT) devus senti por movado, kiu celas la tutmondan amikecon kaj pacon. Se la scivolo (postulo) de kelkaj ekster la esperanta movado pri la literatura valoro de Internacia Lingvo ankoraŭ ne estas kontentigita, tamen ili jam nun ne povus fari alie ol deziri plenan sukceson al tiu paciga flanko de la esperantaj klopodoj. Kun granda plezuro li rakontis pri alia internacia kunveno ĵus okazinta, en kiu la anglaj kaj la germanaj instruistoj tuŝigis siajn glasojn kaj kune trinkis al la paco kaj interfratiĝo. Reironte Anglujon li certe kunprenus kun si plej vivajn kaj kuraĝigajn impresojn pri la valoro de Esperanto por la Tutmonda Geinstruistaro. (Laŭ traduko de Prof. Collinson).

Pri tiuj impresoj dum la UEA-kongreso en Antverpeno s-ro Hill aperigis artikoleton en la angla instruista gazeto „The Schoolmaster" (de 16. 8. 1928), el kiu ni ĉerpas jenajn frazojn:

„Post la holanda konferenco la vicprezidanto kaj mi mem vizitis la kongreson de Esperantistoj en Antverpeno. Tio estis la plej rimarkinda internacia kongreso, kiun mi iam partoprenis. La urbo Antverpeno estis

**La venonta numero aperos la 15-an de Novembro.**

superregata de la kongreso, kaj la stratoj estis gajaj pro delegitoj. Kelkfoje ni renkontis kelkajn anojn de nia NUT ĉe tiu kongreso. Erarigite pro la ĉarma varieco kaj la nekutima (al anglaj okuloj) aspekto de multaj Esperantistoj, unu persono, kies konversacion mi hazarde aŭdis, nomis ilin „maniuloj". Neniu povus esti pli malĝusta. Ĉi tiuj personoj estas ekkaptintaj firman kaj potencan ideon — tiu ideo estas, ke forigante barilojn de lingva malsameco oni povus forigi barilojn, kiuj kontraŭas reciprokan komprenon internacian, kaj sekve povus helpi forigi kaŭzojn de milito. Kaj la rimedo alprenita, konstrui artefaritan lingvon, kiu estas lernebla de popoloj de ĉiuj nacioj facile kaj rapide, sendube estas tre rekomendinda.

Ĉe ordinara internacia konferenco paroladoj devas esti tradukataj de interpretantoj. Ĉe kongreso simila al la Antverpena, kie eble 30 aŭ 40 diversaj nacioj kunvenis, ĉiu parolo bezonus multajn tradukojn: por japanoj, finlandanoj, germanoj, francoj, hispanoj kaj por ĉiuj aliaj nacianoj ĉeestantaj. Sed kiam mi transdonis fratecajn salutojn de NUT al la Esperanto-kunveno, nur unu traduko estis necesa (de Prof. Collinson, Liverpool Universitato). Kaj se mi estus parolinta en Esperanto, eĉ neniu traduko estus bezonita: Mi estus parolinta rekte al ĉiu individuo en la salono.

Ne estas mia intenco, nek estas taŭge, ĉi tie komenci diskuton pri meritoj aŭ malmeritoj de tiu internacia helplingvo. Iu priskribis ĝin kiel „nura kodo". Sed restas la fakto, ke ĝi al personoj, ĉe kiuj ordinare mankas tempo por lerni fremdan lingvon, kaj eĉ al personoj, kiuj ne havas sufiĉan bazan edukon por studi fremdan lingvon, ebligas lerni komunikilon, per kio ili povas paroli gramatike kaj klare al popoloj de ĉiuj nacioj. Ĝia kompleta gramatiko estas lernebla en daŭro de malmultaj horoj, kaj la lingvo estas akirebla, preta por uzo, en la daŭro de malmultaj monatoj.

Kelkaj anoj de nia Unuiĝo jam instruas Esperanton en siaj lernejoj. Antaŭe mi faris sugeston pri temoj, kiujn oni povus diskuti en paĝoj de „The Schoolmaster", kaj mi aldonas la pluan sugeston: Ke tiuj el niaj anoj, kiuj efektive, esplore, provis la Esperanto-lingvon, diru al ni aliaj siajn opiniojn pri ĝi. Mi estas certa, ke la redaktoro bonvenigos leterojn de instruistoj pri tiu temo". (Laŭ traduko de K. Hancock.)

Se tiuj salutoj kaj opinioj el la instruist-asocioj ne estas hazardaj, sed sekvoj de nia laboro inter la instruistaro, ni povas ĝoji kaj esperi. Ĉar en nia laboro ni ne laciĝos.

Por nia estonta propagando inter la instruistaro la salutoj al la TAGE-kunveno kaj la artikolo en „The Schoolmaster" de la prezidanto de NUT estas tre valoraj faktoj, kiujn ni konigu al la tutmonda instruistaro.

## Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj

okazigis fakkunsidon dum la 20-a Universala Kongreso de Esperanto en Antverpeno la 6-an de Aŭgusto 1928. Partoprenis ĉirkaŭ 80 geinstruistoj el la plej diversaj landoj. La kunsido, okazinta en la hejmo de la Belga Geinstruista Sindikato, estis estrata de la prezidanto de la asocio, Neuzil, Ĉeĥoslovakujo. La partoprenintoj estis salutataj de reprezentantoj de la belga, ĉeĥoslovaka, sveda kaj angla geinstruistaj unuiĝoj. Iliaj salutparoladoj harmoniis kun la deziroj de la Ĉeĥoslovaka Geinstruista Asocio (Ĉsl. Obec Učitelska) skribe perigitaj al la kunveno. Ĝi skribis: Al la faka kunsido de geinstruistoj, TAGE, en Antverpeno. Ĉeĥoslovaka federacio de geinstruistoj

origine unu sola organizo de ĉiu ĉeĥoslovaka geinstruistaro sendas al vi sinceran saluton kaj esprimas la deziron, ke la kunveno helpu solvi, eĉ efektivigi viajn idealojn. „La Ĉeĥoslovaka Geinstruista Asocio tre ŝatas, ke via organizacio laboras por la neŭtrala lingvo kaj batalas por la tuta homaro kaj tiamaniere celas du taskojn: unu direktanta la pacon — per la interkomprenigado de la popoloj — kaj kulturan, ebligante al la homoj atingi la fruktojn de la scienco de ĉiuj popoloj. Via penado estontece havos materian sukceson; ĉar kiam Esperanto eniĝos en la komercajn rondojn, ĝi malfermos la pordojn al pli facilaj rilatoj inter la popoloj, kaj ĝi eminente efikos la internacian komercon, de kiu eliros bonfarto kaj paco inter la popoloj. Ni deziras, ke via kunsido veku la intereson por via laborado en ĉiuj rondoj de la homaro."

La kunvenon ankaŭ partoprenis i. a. la honora sekretariino de Internacia Asocio por Helplingvo-Usono (IALA), instiganta la geinstruistojn, kiuj instruas Esperanton, ke ili turnu ilian atenton al tio, ĉu la aserto estas ĝusta, ke la Esperanta instruado gvidu al pli bona komprenado de la gepatra lingvo kaj ke ĝi favore preparu la ellernadon de fremdaj lingvoj.

En la centro de la kunsido estis la raporto de la administranto Goldberg el Leipzig pri TAGE kaj IPR. Ni prenas el la raporto la sekvontan:

La asocio preparas la ekondukon de Esperanto en la geinstruistaron kaj en la lernejojn kaj varbas pro tio ĉi. Ĝia organo, depost du jaroj aperantaj sub la nomo IPR, estas posteulo de la pedagogia gazeto „Novaj Tempoj", ekzistinta de 1922 ĝis 1926. Depost 1925 la monata gazeto estas administrata kaj redaktata de Esperanto-Asocio de Saksaj Geinstruistoj (sekcio de Saksa Geinstruista Unuiĝo). La nombro de ĝiaj abonantoj kreskis dum la jaroj 1926 kaj 1927 de 511 ĝis 630 kaj 1928 ĝis 710. La redakcio intencas komence 1929 aperigi adresaron, kiu enhavos ĉirkaŭ 4000 adresojn de esperantistaj geinstruistoj, kolektitajn de la direktoro de la Ŝtata Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko, Prof. D-ro Dietterle.

Pri la kunlaborado de la asocio en la internacia pedagogia movado estus menciitaj: Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj decidis en Berlin esplori la mondhelplingvan problemon. Kun la ĉefkunveno, okazonta paskon 1929 verŝajne en Ĝenevo ekspozicio estos kunligata, kiu montru la laborojn por edukado al paciĝo de la popoloj. Por tiu ĉi celo esperantistaj geinstruistoj povos doni gravan materialon per la internacia infankorespondado. Cetere tiu korespondado bezonas precipan atenton kaj flegadon pro sia eduka graveco.

TAGE kunlaboris en la internacia konferenco de Internacio de Eduklaboristoj okazinta paskon 1928 en Leigzig. La Leipzig-a grupo estis tradukinta esperanten la ĉefajn surskribojn en la pedagogia ekspozicio. Krom tio ĝi estis ekspozicianta internacian infankorespondadon kaj materialon pri Esperanto en servo de la instruistaro. La demando, sur kiu pedagogia kongreso 1929 TAGE devas oficiale partopreni, ne estis diskutata kaj voĉdonata. Sed la kunveno decidis, ke TAGE klopodu aranĝi propran kongreson, kaj ke la estraro de TAGE sciigu siajn opiniojn kaj proponojn pri tio en IPR.

Fine la raporto volis instigi la esperantajn geinstruistojn en la diversaj landoj organizigi laŭmaniere de Esp.-Asocio de Saksaj Geinstruistoj, por povi ĝuste plenumi gravajn taskojn. Sekvontaj faktoj montru la valoron de organizita laboro: Esp.-kursoj en multaj saksaj lernejoj; financa subtenado por instruistaj kursoj per la saksa ministerio; malvastaj kaj plej bonaj rilatoj al Saksa Geinstruista Asocio. La Saksa Asocio estas la „spino" en la inter-

nacia movado, ĉar tiu ĉi malgranda lando prezentas preskaŭ la duonon de la membraro. Ĝi kaj la sekcioj de aliaj landoj estos plenumantaj estontece tiujn taskojn: Prizorgi, ke la ĝeneralaj instruistaj unuiĝoj plenumos la decidon de Internacia Federacio studi la mondhelplingvan problemon, partopreni la ĉefkunvenon de Germana Instruista Unuiĝo 1929 en Dresden, dum kiu estos pritraktata la temo „La lernejo en servo de la interkompreniĝado de la popolo kaj de la popoloj", kaj sendi materialon el la internacia infankorespondado al la ekspozicio kunligota la kunvenon; klarigi la instruistajn unuiĝojn pri la sukcesoj de la Esp.-kursoj de Pastro Ĉe en la sveda instruistaro. Oni decidis, estonte presigi la raporton de TAGE kaj aldoni ĝin al la kongresdokumentoj.

„Multaj manoj, multaj cerboj, la aktiva volo de ĉiu unuopo devas helpi, ke TAGE vigle marŝos antaŭen".

Johs. Kurt Haubold - Riesa.

## Unika Sukceso de la Ĉe-Metodo.

Ĝis ĉi tiu jaro la sveda instruistaro estis tre hezitema pri nia lingvo. Sed ŝajnas, ke dum la pasinta printempo la glacio rompiĝis. Pluraj faktoj montras tion:

Dum la lasta pasko okazis en Berlino la kongreso de la Internacia Federacio de Instruistaj Asocioj. Kaj tie la sveda delegito s-ro. Bjerke, kiu mem dum pluraj jaroj estis gvidanto de porsvedaj lingvokursoj en Anglujo kaj Francujo, proponis, ke la Asocioj urĝe pritraktu la demandon pri la elekto de internacia neŭtrala helplingvo. La propono estis unuvoĉe akceptata.

Antaŭ kelke da semajnoj oni sciiĝis, ke la Sveda Instruista kaj Instruistina Unuiĝoj decidis organizi somerkursojn de Esperanto por siaj anaroj.

Partoprenis 50 geinstruistoj el 30 diversaj urboj kaj vilaĝoj, de la plej norda ĝis la plej suda partoj de Svedujo. En ĉiuj porinstruistaj gazetoj aperis favoraj kaj instigaj artikoloj kaj ankaŭ la ĉiutagaj gazetoj en Stockholm favore raportis, kiam la kursoj komenciĝis.

La kursoj vekis intereson eĉ ĉe la estraroj de komunumoj kai klerigaj asocioj, el kiuj kelkaj donis stipendion al partoprenontaj instruistoj.

La somerkursoj finiĝis. Kaj vere la rezultoj estas tiaj, ke ĉiuj miras. Ĉar rimarku: la du kursoj daŭris nur po 10 tagoj — ĉiutage kun du duhoraj lecionoj — kaj kiam le ekzamenaj paperoj estis korektataj, vidiĝis, ke la partoprenintoj sciis preskaŭ senerare ne nur traduki esperanten kaj sveden ordinaran tekston kaj skribe rerakonti laŭtlegitan historion, sed ili sciis ankaŭ paroli — kelkaj eĉ bonege — pri diversaj ĉiutagaj aferoj. Kaj dum la festenaj vesperoj post la kursoj kelke da lernintoj en Esperanto faris grandiozajn dankparoladojn al pastro Andreo Ĉe, la instruisto de la kursoj.

Kaj li vere estis laŭdinda. Ĉar ĉiu komprenas, ke tiaj kursoj postulas tre grandajn kvalitojn de la instruisto. Tamen s-ro. Ĉe finfaris la taskon en bonega maniero. Ankoraŭ unufoje mi devas diri kelkajn vortojn pri la Ĉe-metodo. Ĉar estas personoj, kiuj postulas de li, ke li verku lernolibron aŭ iel presigu sian metodon. Mi forte protestas. Kaj s-ro. Ĉe faros la samon. Ĉar lia metodo estas buŝa. Kaj per ĝi oni povas ekviviĝi la esperantan lingvon al la lernantoj. La lernantoj dum la lernado de Esperanto havas preskaŭ la saman senton, kvazaŭ ili eklernus novan patran lingvon. Ili denove travivas rapide siajn infanjarojn, komencante per la plej simplaj frazoj ĝis la delikataj nuancoj de la lingvo. La lernantoj travivas denove siajn infan-

jarojn kun iliaj serĉadoj, iliaj esploradoj kaj iliaj surprizoj kai ĝojoj. Ĉiu lerninto de li povas atesti, ke mi diras la veron. La Ĉe-metodo estas la vivanta metodo kaj se oni publikigus ĝin en lernolibro ĝiaj plej gravaj ecoj mortus. Kaj la bonajn aferojn ni ne mortigu, sed kontraŭe konservu ilin. La solvo de la disvastigo de la metodo ne estas publikigi ĝin, sed okazigi porinstruistajn kursojn kaj tiamaniere konatigi la metodon al la tuta mondo. Ĉar s-ro. Ĉe rajtigas kaj petas ĉiujn instruistojn, kiuj partoprenis liajn kursojn, instrui laŭ la sama metodo.

La dektagaj svedaj instruistaj kursoj estas la ĝis nun plej granda venko de la Ĉe-metodo. Kaj la partoprenintaj geinstruistoj estas ravitaj. Al la invitintaj unuiĝoj ili skribis:

„La subskribintaj instruistoj kaj instruistinoj partoprenis la Esperanto-kursojn, kiujn dum la somero 1928 okazigis la Sveda Instruista Unuiĝo kaj la Sveda Instruistina Unuiĝo. La kursoj, gviditaj de s-ro. Andreo Ĉe, estis treege interesaj. La pedagogian konstruadon de la instrumaniero ni dum la tuta kurso admiris kiel majstran kaj la scioj, kiujn ni dum la dek tagoj de la kursoj ricevis, ŝajnas al ni mirinde grandaj. Al la Sveda Instruista Unuiĝo kaj al la Sveda Instruistina Unuiĝo kiel invitintoj al la kursoj, ni nun esprimas nian koran dankon pro la okazo, kiu pretiĝis al ni kun la celo, ricevi la elementojn kaj sufiĉe grandan paroleblecon de nova lingvo, krom kio ni ankaŭ ekkonis gramatikan sistemon tiel admirindan, ke ĝi devas fariĝi netaksebla helpo en la esplorado de la gramatikoj de aliaj lingvoj. Al nia danko ni ligas la esperon, ke similaj kursoj estos aranĝataj ankaŭ dum la venontaj jaroj.“

La kursoj formis ne nur parolantajn esperantistojn, sed ankaŭ stabon de fervoraj esp.-instruistoj, ĉar la partoprenintaj geinstruistoj tiel entuziasmiĝis, ke ili jam nun decidis instrui esperanton komence de aŭtuno en siaj urboj. Inter tiuj urboj estas ankaŭ Kiruna, la mineja urbo kuŝanta norde de la polusa cirklo, de kie venis du instruistoj kaj promesis fari knrsojn, kiuj estos ebln la plej nordaj kursoj en la ĝisnuna historio de nia movado.

La sukceson de la kursoj kaj la entuziasmiĝon de la partoprenintoj komprenigas tio, ke en la kursoj Esperanto estis prezentata ne nur per pedagogie altkvalita laboro, sed ankaŭ en tiel ĉarma kaj korgajna maniero, ke neniu povas kontraŭstari la allogon fariĝi fervora adepto kaj laboranto de nia movado.

Ernfrid Malmgren.

**Rimarko de la redakcio:** Andreo Ĉe nun adiaŭis de sia sukcesplena laborkampo kaj jam komencis novan semadon en Estonio. Niaj bondeziroj akompanas lin.

## Pri la Asocia Vivo de la Hungara Instruistaro.

1868 estas la jaro de la kompromiso inter Aŭstrujo kaj Hungarujo. La naciaj fortoj ekliberiĝas. La popolinstruado ja restas en la mano de la eklezioj, sed jam sub kontrolo de la ministro de publika instruado (tiam: la leĝkreanta barono Josefo Eötvös). La instruistsocietoj formiĝas unu post la alia. La komunumaj instruistoj sur la bazo de la nova leĝo, formas jam devigite siajn societojn. En sama tempo la ŝtato komencas starigi ŝtatajn lernejojn ĉe la pli malriĉaj lokoj kaj en la naciecaj regionoj. La ministra dekreto ankaŭ la instruistojn de tiuj devigas en la societojn.

Per la 1872-a dekreto formiĝas la departementaj asocioj („ĝeneralaj asocioj geinstruistaj“, kiuj sekciumas je distriktaj rondoj) kaj el tiuj: la

oficiala landa asocio. Tiam ankoraŭ krom la komunumaj kaj ŝtataj instruisto ankaŭ la instruistoj de la burĝaj kaj superaj popollernejoj, la profesoroj de l'instruist-edukejoj kaj la personaro de l'instru-inspektoroj estis devigitaj membroj de la departementaj asocioj. Landa asocio, kiun mem la ministro kunvokadis po 3 jaroj, konsistis el la delegitoj de l'ĝeneralaj asocioj, la direktoroj de la ŝtataj instruistedukejoj kaj la budapeŝta lernejinspektoro. La 1882-jara dekreto la devigan membrecon de la ĝeneralaj asocioj malvastigis nur je la element-lerneja instruistaro, kaj ĝi lasis okazon por libera agado en ĉiuj direktoj.

En 1890 naskiĝis la unua sendependa ĝenerala kuniĝo instruista: Landa Komitato de la Instruistoj Hungarlandaj (Magyarországi Tanító-egyesületek Országos Követsége" — MTOSz). Ĝi estas ankaŭ hodiaŭ la plej ĉefa forumo kaj reprezentanto de la hungara geinstruistaro. Vidu, mallonge, ties organismon kaj rolon inter la hungaraj lernaferaj rilatoj!

En la nuna Hungarujo ekzistas (ĉirkaŭe) 1050 ŝtataj popollernejoj kun 4700 geinstruistoj: 700 komunumaj l. kun 3000 geinstr., 2500 rom. kath. (ekleziaj) lern. kun 5500 geinstr., 1 200 ref. eklez lern. kun 2400 geinstr., 400 evang.-luth. eklez. lern. kun 700 gein-oj, 150 izr. (jud.) lern. kun 380 gein-oj, 130 privataj lern. kun 50 gein-oj., 170 aliaj ekleziaj lern. kun 220 gein-oj. Sume: 6300 popollernejoj kun 17 400 geinstruistoj. Ĝi estas apenaŭ triono de la nombro de l'instruistaro de la antaŭmilita Hungarujo, (simile al lia amplekso).

El tiuj estas membroj de Landa Ligo (MTOSz): 4700 ŝtataj gein-oj., 2300 komunumaj gein-oj, 2000 rom. kat. ekl. gein-oj, 2000 ref. ekl. gein-oj., 500 evang. ekl. gein-oj., 50 izr ekl. gein-oj., 120 grek. kat. ekl. gein-oj., 30 ceteraj ekl. gein-oj., sume: 11 700 gein-oj, do 67% de la tuta geinstruistaro.

Landa Ligo estas konstruata precipe sur la ĝeneralaj (departementaj) instruistaj asocioj, kiuj estas el ofico membroj liaj. Inter la ceteraj asocioj ekz. la Landa Ligo de rom. kat. instruist-societoj de komenco funkcias aparte. (La tabelitaj 2000 rom. kat. geinstruistoj estas membroj nur pere de la departementaj asocioj!).

La aliaj landaj asocioj aliĝis al la Ligo tuj komence aŭ pli malfrue, plej nove la ĉefurba komunuma instruistaro, kiu, en kadro de la postmilita Nacia Ligo de Publikaj Oficistoj, ĝis nun ne partoprenis la laboron de la Ligo, nur per la t. n. Direktanta Komitato de l' Instruist-asocioj. Ĉi tiu estas la plej alta organo de la Ligo por pritaktado de la ĝeneralaj interesaj aferoj. La agadon (defendo de l'geinstruistaj rajtoj kaj perbatalo de la komunumaj celoj) de la Direktanta Komitato partoprenas per 4 kaj 4 delegitoj, jenaj korporacioj: MTOSz mem, Landa Ligo de rom. kat. Instruist-societoj. Instruista sekcio de Nacia Ligo de Publ. Ofic., Landa asocio de ref. geinstruistoj, (ORTE), Landa Asoc. de evang. gein-oj., Landa Asoc. de grek. kat. gein-oj., Landa Asocio de Ekonomiaj Fak-instruistoj, Landa Asoc. de izr. gein-oj., Landa Asoc. de Infanet-Edukistoj. Nur tre malgranda parto de la hungara instruistaro (tiuj, kiuj estas aliĝintaj al la ŝovinista, postmilita formacio: Nacia Ligo de Hungaraj Instruistoj kaj Profesoroj) estas sen reprezentanto en la Direktanta Komitato.

La aferojn de MTOSz administras prezidantaro kaj direktorio en kunsidoj direktant-komitataj, prezidantaraj, direktoriaj, ligokonsilantaraj kaj per la landaj instruistaj ĝeneralaj kunvenoj. (Tian landan kunvenon la MTOSz aranĝis dufoje: en 1912 la VII-an, en 1923 la VIII-an).

La membrojn de prezidantaro kaj direktorio ĉiu-3-jare elektas la Ligo-konsilantara Kunsido, kies membroj estas la delegitoj de l'aliĝintaj societoj.

MTOSz havas 4 sekciojn: karitativan, pedagogian, publik-klerigadan kaj literaturan sekciojn. Lasta sekcio sub nomo Geza Landa Literatura Societo de jaro 1922 atingis gravan pozicion en la literatura vivo de Hungarujo, kaj inter liaj 175 membroj oni trovas multe da landaj reputaciaj verkistoj, poetoj Bedaŭrinde MTOSz ne havas reprezentanton en la hungara parlamento (nur kelkajn honorajn membrojn).

MTOSz nun aĉetis propran domon en Budapeŝt; ĝis tiam li restadis en la „Franc. Josefo"-Domo de Instruistoj, kiu estas propraĵo de l' „Eötvös-Fondo", kun kiu la Ligo staras en forta kooperado. La Fondo havas knabo-hejmon kaj someran refreŝigan domon (kun nomo de la nuna liga prezidanto: Stefano Rákos). La Ligo estas en interrilato kun „Kalak (Spiko) Komercaĵo-komunika akcia societo (precipe ĝi eldonas lernolibrojn).

MTOSz eldonas du-semajnan oficialan gazeton sub titolo „Tanitók Szövetsége" (Ligo de Instruistoj), redaktata de l' agema ĉef-sekretario Ludoviko Simon, je 10000 ekzempleroj. Literatura sekcio ankaŭ eldonas infangazeton: „Meseország" (Fablolando) Krom tiuj la ministro de publika instruado eldonas ampleksan semajnan organon: „Néptanitóle Lapja" (Gazeto de popolinstruistoj) kaj ĉiu landa asocio — eĉ kelkaj departementaj asocioj — havas propran organon. Inter tiuj pleje gravas (la plej aĝa) „Tanitóle Lapja" (Gazeto de Instruistoj): organo de ref. geinstruistoj (ORTE), redaktata de la fame konata instruist-kondukanto, maljuna porbatalanto Aleksandro Dobó, kun helpo de la agemaj Ludoviko Ormós kaj Johano Molnár. „Tanitóle Lapja" estas la sola hungara pedagogia gazeto, kiu okupadas sin detale kun la internaciaj organizacioj instruistaj kaj esperanto. (Redaktoro de ĉi tiuj fakoj estas L. Jambor).

MTOSz ankoraŭ havas internaciajn interrilatojn nur apenaŭ; sole en la plej novaj tempoj pere de la Germana ligo (Deutscher Lehrerverein), kun ties prezidanto Gottfried Röhl estas la hungara ligo-prezidanto Stefano Rákos en persona amikeco.

Sevke de propono de MTOSz oni aranĝos la 2.-5.-an de julio 1928 en Budapeŝt la III-an Ĝeneralan Lernejan Kongreson. (La l-a estis en 1848, la 2-a en 1906). Tiun kongreson la Ligo aktive partoprenos je reprezentado de la elementa popolinstruado.

MTOSz dum sia 19-jara laborado atingis tre gravajn rezultojn en la akirado de materiaj kaj moralaj bonoj de l' hungaraj geinstruistoj; ĝi daŭrigas la porbatalon eĉ nun malgraŭ la malfacilaj ĉirkonstancoj postmilitaj de la ŝtata vivo. La programo, kiun lia organo „TanitókSzövetsége" portas sur la frunto, estas la jena:

„La instruistaro pro ĝia naci-eduka graveco estu honorota per escepta materia traktado. — La publika lerneja administracio estu speciala kaj imuna de ĉia politika influo; la lernejan inspektoron la instruistaro elektu el si mem. — La ok-klasa popollernejo estu leĝe certigota, ankaŭ la universitata edukado de instruistoj. — La karitativaj kaj ekonomiaj klopodoj de l' instruistaj organizadoj servu la tutecon, ne la disigon; do ni postulas, ke ĉiuj instruistoj estu devigataj membroj de la departementa ĝenerala asocio. — Instruisto pro sia specifa etato socia en sia laborado havu pligrandigitan defendon de la magistratoj . . . "

L. Jambor, Debrecen, Hungarujo.

## Ĉeĥoslovaka Instruistaro.

Nuntempe ekzistas 2 gravaj tutrespublikaj organizaĵoj ĉeĥoslovakaj. Pri la germanaj, magiaraj kaj polaj organizaĵoj mi ne povas raporti, ĉar mi ne scias pri ili necesajn datojn.

I-a.

Ĉeĥoslovaka Federacio de Geinstruistoj (Československá Obec Učitelská — ČOU) — 10 000 membroj. Centra organo: Gazeto de Ĉeĥoslovaka Federacio de Geinstruistoj — Časopis Československé obce učitelské. Prezidanto: S-ro Antono Vimmer, eksdirektoro de burĝa lernejo. Adreso: Královské Vinohrady, Francouzská 7, Praha. — Ĝeneralaj kunvenoj okazas nur post du jaroj. La lasta okazis la 28-an kaj 29-an de Decembro 1926. Gravaj decidoj estis: ČOU postulas unuecan, sed diferencigitan popolan lernejon elementan kaj burĝan, unua- kaj duagradan, universitatan klerigadon de ĉiuj geinstruistoj, ĝi gardas la laikan karakteron de popola lernejo kaj kontraŭbatalas la eklezian influon en la lernejoj, ĝi postulas, ke oni apartigu la lernejan administradon de la politikaj oficoj, ĝi penas organizi la tutan geinstruistaron de la popollernejoj sur la bazo de la specialaj interesoj por la instruistoj de elementaj kaj burĝaj lernejoj.

Tiu ĉi Federacio organizas tutrespublikajn grupojn de la instruistoj por elementaj kaj burĝaj lernejoj.

Kontraŭ la Federacio ČOU, kiu estis forta kaj bonege defendadis la komunan aferon de geinstruistaro, estis fondita nova asocio:

II-a.

Asocio de Ĉeĥoslovaka Geinstruistaro — Svaz Učitelstva Československého — SUČ. — Ĝi enhavas jenajn organizaĵojn: Landa centra societo de geinstruistoj en Bohemujo 9 500 membroj kaj Landa centra societo de geinstruistoj en Moravio kaj Silezio 6 500 membroj. Al tiu ĉi SUČ apartenas grupoj de specialaj interesoj: Landa centra societo de instruistinoj por virinaj manlaboroj en Bohemujo 900 membroj. — Ceteraj membroj estas en kontrakta rilato: Landa unuiĝo de instruistinoj en Bohemujo 1 800 membroj, societo de pensiumitaj geinstruistoj 8 000 membroj. Entute oni kalkulas ĉirkaŭ 27 700 membrojn sed precipe laŭ la pagitaj kotizoj aspektas la afero tute alie.

Centra organo mankas. Prezidanto: Mir. Hrejsa, lernejestro. Nebušice u Prahy. La unua ĝenerala kunveno okazis la 1-an kaj 2-an de Novembro 1926. La plej grava decido: SUČ postulas unuecan nacian lernejon sen la diferenco de specialaj interesoj, sur la bazo de egaleco de la tuta instruistaro.

La organiza stato de geinstruistoj en Ĉenoslovaka respubliko ne estas nun nura krizo, sed laŭ mia opinio vera bankroto. Estas vere tre bedaŭrinda afero, ke nur la gvidantoj de ambaŭ grupoj interbatalas, kiam la simplaj membroj estas reciproke aŭ toleremaj aŭ tute amikaj. Ambaŭ centroj elvokis tiujn grupojn de specialaj interesoj kaj nun staras unu grupo sen kompromise kaj la alia faras kompromisojn. Iu konsilo estas tre malfacila. En nia respubliko ekzistas nun tutrespublikaj grupoj de geinstruistoj apartigitaj laŭ la specialaj interesoj, kiuj tute ne volas likvidi siajn organizaĵojn. Tiamaniere ekzistas vera ĥaoso kaj la reakciaj direktoj triumfas.

Neuzil.

## El Herolda.

La 28-an kaj 29-an de junio okazis en Tallinn 2-a Kongreso de Instruistoj de baltaj ŝtatoj, kiun partoprenis 350 instruistoj el Estonio, 70 el Latvio kaj 40 el Litovio. D-ro. A. Audova (Estonio), privatdocento de Tartua universitato, tuŝis en sia referato „Nacia edukado kaj idealo de tutmonda paco“ ankaŭ Esperanton, dirante ke tre grava faktoro por efektivigo de tutmonda paco estas internacia lingvo Esperanto kaj esprimante la deziron, ke oni enkonduku ĝin en la lernejojn. Je tio la tuta salono varme aplaŭdis. Dum la interparoloj atentigis pri Esperanto s-ino. Otilia Juŝen el Riga (Latvio), dirante ke esperanto estas plej bona helpa lingvo por la baltaj ŝtatoj (ĝis nun kiel tia servis precipe la rusa kiel heredaĵo de la rusa regado).

Oni akceptis rezolucion, ke la popoloj de la baltaj landoj ellernu unu kaj saman novan lingvon, kiu estas elektota. Unu el la kandidatoj por tiu lingvo oni povas konsideri ankaŭ Esperanton. -- Dum la kongreso oni akre malaprobis la militarismon en la lernejoj.

## Eminentaj Politikistoj pri Internaciaj Rilatoj.

Dum la lasta tempo tri eminentaj politikistoj parolis pri internaciaj rilatoj, pri nacia kaj internacia ideoj kaj pri eduko al internacia spirito. Tiuj ĉi paroladoj estas tiom gravaj kaj tiel multe tuŝas nian esp. movadon, ke ili certe trovos la intereson de la esperantistaro.

La unuan paroladon faris la usona ambasadoro D-ro Shurmann, Berlin okaze de sia honorpromocio en la universitato Heidelberg. La dua estas la respondo de la Germana ministro por eksteraj aferoj. D-ro Stresemann. La trian faris la Prusa kultministro D-ro Becker ĉe la malfermo de la pedagogia kongreso en Berlin. La paroladoj ĉi tie estas mallongigitaj.

(Walther Hahn.)

### Ambasadoro D-ro Shurmann, Usono.

S-ro ŝtata sekretario Kellogg transsendis al la registaroj de la grandŝtatoj projekton pri proskripcio de la milito. La scienco tiom progresis, ke estonte al neniu nacio povas esti permesite, uzi en milito la fortojn de la naturo, kiujn la homaro lernis estri kaj uzi por siaj celoj dank' al la scienco. Por ke la homa civilizacio kaj kulturo povu daŭri, la milito devas esti proskripciata. La usona projekto kontraŭ la milito proponas, ke la grandŝtatoj rezignu, uzi la militon kiel rimedon de la nacia politiko kaj solvu pace siajn konfliktojn. S-ro D-ro Stresemann sciigis al mi, ke la germana registaro estas preta fari kontrakton laŭ la propono de la Usona registaro.

Germanujo kaj Usono marŝas antaŭen en granda nobla aventuro pro la homa kulturo. Mi esperegas kaj certe atendas, ke ĉiuj nacioj de la mondo baldaŭ aliĝu al tiu glora movado. Universala kooperado rilate al la paco estas por si mem kreema kaj akcela por la internacia amikiĝo.

### D-ro Stresemann, Germana ministro por eksteraj aferoj.

Estas malfeliĉa eraro, rigardi kiel kontraston la nacian kaj internacian ideojn kaj ligi kun la internacia ideo la riproĉon de nacieco. Per tio mi tute ne volas esprimi mian konsenton kun tiuj politikaj kaj spiritaj movadoj, kiuj opinias; ke la internacia formo de la homa vivado estas la pli alta

kaj la nacia nur la provizora. Tio estas grava eraro. Eĉ la plej alta spirita evoluo ne forgesigos la homon pri la persangaj ligoj kun la propraĵoj kaj tradicioj de sia popolo. La plej grandaj filozofoj kaj poetoj, kiuj povis paroli al ĉiuj popoloj, montris nur tie sian plej altan forton, kie ili radikis en nacia fundo. Shakespeare sen Anglujo, Goethe sen Germanujo, Dante sen Italujo ne estas kompreneblaj, kaj neniu sen la tempo, en kiu li vivis. Tial neniam mondorganizaĵo estas konstruebla sen la firma natura fundamento, kiu konsistas el la apartaj popoloj kuniĝintaj en la naciaj ŝtatoj.

Kiel la forto de ŝtato devenas el la forto de la multaj individuaj personoj apartenantaj al ĝi, tiel la radikoj de la internacia vivado prosperas nur pro la saneco de la apartaj ŝtatoj de la mondkuneco.

La enordigo de persono en tutaĵon ne estas rezigno, ne estas perdo, sed instigas al koncentrigo de ĉiuj fortoj por alta morala celo. Tio validas ankaŭ rilate al enordigo de popolo en la organizitan tutaĵon de la kultura mondo.

**S-ro D-ro Becker, Prusa kultministro (Temo: Internacia spirito kaj nacia eduko).**

Kiam la instruistoj kaj edukistoj de la kulturaj ŝtatoj kuniĝis al granda ligo, ili decidis por internacia kooperado rilate al la edukado. Ĉiu nacio volas lerni de la alia, kaj oni kredas, plej bone atingi tion kreante internaciajn organizaĵojn.

La internacia kooperado kun la celo interkomprenigi kaj alproksimigi la popolojn, enhavas taskon por la instruistoj kaj edukistoj, kiu estas multe pli granda kaj grava ol la samcelaj penadoj de la sociaj ekonomiestroj, de la scienculoj kaj politikistoj; ĉar ĉi tie la nura organizo ne sufiĉas. Kion utilas la plej bonaj internaciaj organizaĵoj al la edukistoj, al la popoloj, kiam la junularo, la popolo de morgaŭ plenkreskas ne komprenante la karakteron kaj la bezonojn de la aliaj popoloj, konsiderante nur sin mem egoiste kaj naciisme? Ankaŭ dum la antaŭmilita tempo internaciaj organizaĵoj ne mankis, kaj tamen ni havis la faton de la mondmilito.

La internacia ideo estas multe kontraŭbatalata, ĉar oni ofte kredas ĝian efektivigon identa kun popolmiksado kaj forigo de aparta nacia konscio kaj nur atingebla per (tute erare) organiza meĥanigo. Ni vivas en la epoko de nacia ideo. La Eŭropa nacia ideo daŭrigis sian venkiron ĝis Azio kaj malligis ŝajne ne detrueblajn organizaĵojn mezepok-religiajn.

La vera internacia spirito novkonstruanta la mondon certe ne ekkreskos el la niveligo aŭ aliigo de la nacia, socia aŭ religia ideoj. Ankaŭ devigaj ŝtataj kaj interpopolaj dekretoj ne kreas la internacian spiriton.

Vera internacia spirito devenas el la sama fonto kiel socia kaj religia toleremo. Nur kiam la homo ekkonas en la alia homo, apartenanta al ĉiu ajn nacio, klaso kaj religio, la eternajn diajn valorojn kiujn li posedas en si mem kaj por kiuj li postulas la respekton de la kunhomoj, tiam ekestas la fundamento, sur kiu povas esti konstruata la templo de nova homaro. El la kooperado de la popoloj povas fariĝi Internacia Organizaĵo, sed internacia spirito nur el nova sento de homo al homo. Oni devas havi la animan kuraĝon, cedi al ĉiu alia tion, kion oni postulas por si mem. Laste la internacia spirito estas afero de la koro, rezulto de kvazaŭ religiaj homaranaj travivaĵoj.

La internacia ideo tute ne kontraŭstaras al la nacia edukado kaj estus senradika sen ĝi. Individuo, nacio, homaro — ili ricevas sian nobligon el la humaneco.

## La Sanskrita Radiko „mar“.

(Daŭrigo el n-ro 6-7).

En la sanskrita lingvo oni trovas „malana“ en la signifo: froti aŭ mueli. Sed ĉi tiu radiko ŝajne en tiu lingvo ne kreis nomon por muelejo. Tio povas esti historie grava pro tio, ke ĝi indikus, ke muelejoj antaŭ la aria disiĝo ne estis konataj. En la lingvoj latina, greka, germana, kelta kaj slava la nomo por muelejo ĉiom estas derivita de la radiko „mar“, ekz. „mola“ (lat.), mýlē (grek.), muli (malnove-altgerm.), meile (ira), mlýn (bohema), malunas (litova) kaj (laŭ Bastien) moulin (franca), (it.), mill (angla), mueli = moler (hisp.), moer (port.), molotj (rus,).

En la preciza konformeco de ĉiuj eroj de la norda branĉo de la aria lingvofamilio oni konkludis, ke la muelejoj estis konataj jam antaŭ la disiĝo de ĉi tiu norda branĉo, kvankam oni ankaŭ povus memoriĝi je tio, ke kelkaj el tiuj ĉi nacioj povis pruntepreni la nomon de aliaj popoloj, kiuj jam estis la eltrovintoj de la muelejo.

Kun la nomo por la muelejo samtempe ekzistas la nomoj por muelisto, muelŝtono, mueli, muelitaĵo = faruno. Greke: mýlos = muelŝtono; mýllō = mi muelas. Gote: malân = mueli; melo = faruno; muljan = polvigi, pulvorigi. Kio estas en la angla lingvo la mill-teeth (vangaj dentoj), estas en la greka lingvo la „mylîtae“, „mýlakroi“ aŭ „mýlai“, lat. la „molares“ = frakasantoj. Frakasi laŭ Kabe: dispecigi, tute rompi kun bruo.

Por ĉiu, kiu iomete konas la vivantan lingvon de Anglujo, la transiro de mueli (to mill) al fuli = to full, al fulado = speciala operacio por igi la drapon pli fortika kaj pli kunpremita (Verax), al la angla: to fight = skermi, dueli, interbatali — ne bezonas longan klarigon. Ankaŭ la homera „márnamai“ (mi skermas, mi batalas) en sia uzado por pugno-batalanto estas derivebla sen peno de „mar“. En Sanskrito oni trovas „mṛi-nâ-mi“ en la pli forta signifo: disrompi, frakasi, t. e. mortigi. Rig.-Veda, VI, 44, 17: „prâ mṛina jahi eha“ — batu (ilin) suben kaj mortigu ilin. Nun oni komprenos pli bone la grekan „môlos“ en la esprimo: „môlos Árēos“, la laboro, la batalo de la milito (angle: „the toil and moil of war“) kaj la grekan: môlops = kalo; origine: bato, frapo, defrotaĵo, grataĵo.

Ĝis nun „mar“ estas traktita kiel transitiva verbo, esprimanta la agadon de la polvigado, pulvorigado, muelado; agadon, celantan al iu ajn aĵo. Sed la plej multaj verboj origine estas uzitaj aŭ transitive aŭ intransitive; tiel ankaŭ „mar“. Kion nun esprimas „mar“, se ĝi estis uzata kiel intransitiva verbo, indikanta nur situon aŭ staton? Ĝi signifas „uzumiĝi, konsumiĝi“, esti en la stato de la kadukeco, pecetiĝi, kvazaŭ polviĝi. La germanaj vortoj: sich aufreiben kaj sich aufgerieben haben = konsumiĝi kaj konsumiĝinta estas preskaŭ egalaj je la esprimoj: vernichtet aŭ zerstört = nuligita aŭ neniigita, detruita. Goethe diras: La forto de la iritebleco malgrandiĝas kun la vivo, ĝisfine la homon konsumiĝintan nenio sur la malplena mondo plu instigas ol la estonta mondo. Kion nun signifas la grekaj vortoj: maraínō kaj marasmós? Maraíno signifas kiel

transitiva vorto: „aufreiben, welkmachen = konsumi, detrui, velkigi; eks. nósos maraínei me = malsano konsumas min, ekstermas min; ĝi ankaŭ estas uzita kiel verbo neŭtra, signifanta: velki, konsumiĝi, morti. Pro tio „marasmo“ = malfortikiĝo de l' organismo, kadukeco, velkado, la franca: „marasme“. La greka adjektivo: „môlys“ signifas: konsumita, elĉerpita; kaj nova verbo „molýō“ (ankaŭ: molýnē kaj molýzo) signifas: per peno kaj laboro malfortiĝi, malakriĝi (spirite); „molýami“ = malfortiĝi, neniiĝi. La sanskrita vorto „mûrchh“ (laciĝi, sveni) estas derivita de „mar“ per la regula aliformiĝo de la verboj ek-antaj, ĝi esprimas komencon de ago, momentan agon; do: ekmorti, mortiĝi.

Ni supozu, ke la maljunaj arioj la unuan fojon sentis la bezonon, esprimi tion, kion ili vidis kontinue ĉirkaŭ si, nome la iom-post-ioman malprogreson, dekadencon, maljuniĝon de la homa korpo, la malrapidan kadukecon, al kiu fine sekvas absoluta disiĝo de la tuta organismo. Unu el la pli proksimaj ideoj, kaŭzitaj per la konstantaj impresoj de la kadukeco kaj de la mortiĝo, estas tiu ideo, kiu estas esprimita per „mar“ per la dispecetiĝo de ŝtono je polvo. Tial ni trovas en la latina lingvo: morior = mi mortas; mortuus = mortinta, morta; mors = morto; sanskrite: mṛiÿe = mi mortas; mṛitá = morta; mṛityu = mortu. Unu el la plej maljunaj nomoj por homo estis „márta“ = la mortanta, rompebla, kaduka kreitaĵo; nomo tiom signifa, kian nur la homo povas doni al si; en la greka lingvo „brotós“, lat. „mortalis“ = mortulo. Post kiam la homo estis elektinta ĉi tiun nomon por si mem, la sekvanta paŝo estas facile farebla, nome: doni al la dioj la kontraŭan·nomon. Ili estis nomataj „ambrotos“ = la ne-mal-aperintaj, la malkadukoj, la malmortuloj; ilia nutraĵo estas „ambrosía“ = athanasia = senmorteco = ambrozio.

En la germanaj lingvoj mankas tiuj ĉi vorttrunkoj; sed ke „mar“ — kvankam ne en la signifo: mortiĝi — tamen estas kaŭze uzita por mort-igi, estas videbla el la gota vorto: „maurthr“, angla: „murder“ = mortigo. Malnov-slave ekzistas „mrěti“ = morti; „moru“ = morto, pesto; „smrĭtĭ“ = morto; litove: „miriti“ = morti; smertis = morto; germane: morden = mortigi.

Se la latina vorto „morior“ = mi mortas origine estas: kaduki, malsanadi, tiam estas „morbus“ = malsaneco, kadukeco = kaŭzo de la malsanado.

Sanskrite la korpo mem nomiĝas „mûrti“, kio ŝajne origine signifis: kadukeco aŭ kaduki, do pli la angla vorto „corpse“ = kadavro, ol la latina „corpus“ = korpo, membro.

La sanskrita vorto „marman“ (artiko) estas same derivita de la sanskritaj gramatikistoj de „mar“. Ĉu ĝi signifas „kadukantaj membroj, organoj? Aŭ, ĉu ĝi estas derivata de „mar“ laŭ ties fundamenta signifo mueli, polvigi? Ĉu ĝi signifas la movadon de la membroj, provizitaj je artoj? La latina vorto „membrum“ (membro) estas „memrum“, kaj tio eble estas derivita de „mar“ per duobligo, same kiel „memblétai“ de „mélō“, „mémblōka“ de „mol“ en „émolon“, dume la estanta formo estas „blōskō“.

Unue oni esploru la latinan vorton „morā“. Ĝi signifas prokrastado, kaj de ĝi devenas la franca vorto „demeurer“ = prokrasti, loĝi. Sed „morā“ estas origine uzata rilate al la tempo, kaj en esprimo „mora temporis“ ekzistas la natura sento de la malrapida kadukado, de la iom-post-ioma pasigo de la tempo. „Sine mora“ = sen prokrasto, origine

sen konsumo de la tempo, sen perdo tempa, (angle: decaÿ anstataŭ delaÿ; decaÿ = dekadenci (Verax) = kaduki, konsumiĝi, uzumiĝi, velki, putri, malboniĝi, malriĉiĝi; delaÿ = prokrasti, malhelpi, heziti, ŝanceliĝi). (Daŭrigota).

Hugo Dreusicke, Kassel (Germanujo).

## Internacia Vortaro.

La Internacia Vortaro, kiam ĝi aperos, estos unika ilo por unuformigi nian lingvon en diversaj landoj, bazita sur la triobla bazo: Fundamento, sankciita en Bulonjo, Zamenhofa verkaro kaj komuna stilo de plej bonaj postmilitaj aŭtoroj. La Fundamento ne plu sufiĉas, ĉar ĝi silentas pri multaj dubaj formoj. Ankaŭ la multaj oficialaj vortaroj, aldonoj, klasikaj libroj de nia Lingva Komitato ne garantias al nia lingvo la necesan unuecon. Ili fiksas nur formon, eksteran aspekton de novaj radikoj, dum la senco, semasiologia flanko restas duba. Krom tio ili uzas ne internacian esprimilon, Esperanton, sed naciajn lingvojn de kelkaj privilegiaj popoloj. Japano, hungaro, ĉino, latvo, kroato kaj cent aliaj popoloj sentas sin fremduloj malgraŭ sia scipovo de esperanto, tamen proklamita „tutmonda“ lingvo, kiam ili vidas vortaron kun angl-, franc-, german-, hispan- kaj aliaj naciaj difinoj. Cetere, ĉiu filologo scias, ke la naciaj tradukoj ĉiam pli-malpli perfidas tiun, kiu naive ilin kredas precizaj. Estus do juste kaj fidinde difini esperantajn radikojn per esperantaj difinoj sen nacia perado aŭ influo.

Ni do preparas planon de Internacia Vortaro sur jenaj bazoj kaj sub jenaj kondiĉoj:

a) ĝi entenu ĉiujn radikojn el la Fundamento, verkaro de Zamenhof, aldonoj de la LK kaj ceteraj gravaj eldonaĵoj, ĉiujn kunmetaĵojn ne kompreneblajn per si mem, fak-terminojn de komerco, industrio, sporto, tekniko, scienco, religio, arto, juro — kiom bezonas ilin komuna kaj literatura lingvo;

b) la difinoj estu nur en esperanto kun aldono de internaciaj simboloj, formuloj, latinaj terminoj — kiam ili ekzistas;

c) sinonimoj kaj frazeologio estu aldonita utilmaniere, tiritaj el Zamenhofa verkaro kaj el la nova literaturo;

d) la ĉefan laboron faras profesia leksikografo, kiu dediĉos tutan sian tempon al la vortaro, farante ĝin laŭ postuloj de moderna leksikologio;

e) por decidi pri multaj dubaj kazoj, por fari detalajn serĉojn, por ellabori fakajn terminojn — estos organizita internacia komitato da spertuloj — duone okcidenteŭropaj, duone orientlandaj;

f) la tuta laboro estos farata laŭ interkonsentitaj principoj, devigaj kaj klaraj, por eviti personajn preferojn, nekonsekvencojn kaj kapricaĵojn;

g) la vortaro celos harmoniigi kaj akordigi la nunan senordan amason da esperantaj radikoj, vortoj, parolturnoj ktp.

Ni parolas nun ne pri nura projekto, sed jam pri la plano, realigi malnovajn revojn kaj utiligi materialojn, spertojn amasitajn dum multjaraj senprofitemaj studoj. Ni jam faris vort-al-vortan komparon de la verkoj de Boirac, Kabe, Verax — kun vortaroj de Zamenhof kaj aliaj naciaj aŭtoroj. La fundamentajn radikojn ni trastudis multfoje kaj diversflanke. Post la milito ni kontrolis ĉiujn oficialajn aldonojn kaj klasikajn librojn, kies eraroj estis konstatitaj, por ilin eviti estonte. Ni krome posedas vastan sliparon de Zamenhofaj radikoj, vortoj, frazoj, kunmetitan en 1925-27 de internacia grupo

da bonvoluloj. Fine kun malnova sperto pri profesia leksikografio ni disponas la plej kompletan esp.-bibliotekon ĉe UEA.

Tuj post la fino de pretigado de la „Bibliografio“, en Julio, la Bibliografia Servo de UEA entreprenos ekzamenon de nia plano laŭ eldonista kaj financa vidpunkto.

Ĉiuj amikoj de nia lingvo do nun havas unikan okazon kontribui — jen morale, jen materie — al sukceso de la vera unuigilo de Esperanta lingvo kaj popolo de la unua, kolektive konstruota, internacia vorttrezoro, necesa bazo por ĉiuj naciaj vortaristoj.

Kune, la „Bibliografio de Mondlingvo“ kaj „Internacia Vortaro de Esperanto“ estos du monumentoj resumantaj en kundensita formo. Oni faras tiajn verkojn unufoje dum unu generacio, kaj ili servas poste por jarcentoj.

En kunfrata kooperado, en solidara konstruado, en pacienco, peno — ni altiĝas super la bagatelaj disputoj kaj egoistaj ambicioj de la tago.

P.-E. Stojan.

## Nova Kalkul-Instruilo

de sup.-instruisto Ernst Klemm, Chemnitz (Germanujo).

Oni povas utiligi ĝin en la fundamenta klaso de la popollernejo, en la fundamenton formanta klaso, kiu estas aparte grava. En ĝi ja ĉiuj fakoj estas gravaj, tamen precipe la kalkulinstruado. Pro tio ĉiuj progresemaj elementarinstruistoj klopodis de longe, plibonigi tiun instrufakon.

Mallertaj aŭ maldiligentaj geinstruistoj lernigis kaj lernigas la kalkularton eble meĥanike parkere. Sed nun la inteligenta instruistaro insistas la intuician, por infanoj interesan instruadon, gvidas la lernantojn per memfarado al memstareco.

Al tio oni bezonas praktikan lernhelpilon Ja jam ekzistas multaj diversaj kalkulmaŝinoj Sed tiuj certe ne estas la idealo de praktika, la memfaradon celanta kalkulinstruado; idealo estas la spontana, spirita manlaboro de la infanoj.

Tiurilate mi dum mia 40-jara instruado multajn ilojn (butonojn, bastonetojn, kvarangulajn kaj rondajn tavoletojn, kubetojn, ankaŭ la fingrojn ktp.) provis, laste alumetkestojn, por formi la numeralan kvanto-prezenton sur unu linio, por klarigi kaj ekzerci la gravan, malfacilan transiradon de la unua deko al la alia. La alumetkestetoj permesis meti diversajn figurojn, konstrui ion, ekzerci la 4 elementajn kalkulspecojn. Sed malgraŭ la malmultekostecon tia kalkulilo havis bedaŭrinde la econ de facila rompebleco. Nun mi konstruis laŭsperte pli praktikan „kalkul- kaj plumetkesteton“.

1. Ĝi estas tre stabila, el ligno farbrikita 2. Ĝi estas oportune transportebla, ankaŭ en la tornistro. 3. Ĝi estas praktike uzebla. Oni povas per la nedifekteblaj, lignaj bloketoj spontane prezenti la numeralajn kvantojn per la tri diversaj grandecoj kaj sesdiversaj koloroj de la bloketoj. Facile la infanoj per tio povas intucie lerni adicii, subtrahi, multobligi kaj dividi. 4. Ĝi estas multflanke uzebla. Al viglaj infanoj ĝi ebligas meti figurojn, ion konstrui, desegni, mezuri, kompari, evolui la senton por koloroj, meti per bastonetoj literojn uzi la apartan mezurilon, lerni ludante ankaŭ hejme ktp. 5. Ĝi estas sufiĉe riĉenhava En ĝi troviĝas 30 bloketoj, 40 bastonetoj, metra mezurilo, krajono kaj gumo. 6. Ĝi estas (ĉefaĵo) eksterordinare (la fabrikejo celas

grandkvantan vendadon) malmultekosta. Unuope ĝi kostas nur 1 germ. mark., kaj aĉetante 20 ekzemplerojn vi ricevos krom tio 10 procentan rabaton.

Ĉu la kesteto estas bona? Germana proverbo diras „Provado superas studadon“. Multaj germanaj kolegoj jam uzas ĝin.

(Ilustritan prospekton germanlingvan forsendas senkoste la fabrikanto G. Biermann en Seiffen — Germanujo.)

## Bibliografio.

**Supera Kurso de Esperanto:** La lernolibro, anoncita en n-ro 6-7 de IPR, de D-ro Leopold Dreher, aperis. Prezo: 1 sv. fr. aŭ 0 85 germ. mark. Mendebla ĉe D-ro Dreher, Starowisłna 37, Krakow, Polio.

**Sir H. Rider Haggard, Luno de Izrael.** (Rakonto pri la eliro). En Esperanto de Edward S. Payson k. Montagu C. Butler. Eld.: The Esperanto Publishing Co., Ltd., havebla ĉe B. E. A., 142, High Holborn, London, W. C. 1 kaj ĉiu esperantista librovendisto. Prezo: broŝ. 3 ŝ. 6 p. k. 4 p. afranko, bind. 5 ŝ. k. 5 p. afranko. — Ĉi verko estas tre interesa, bonstile verkita kaj ĝi klare komprenigas la vivon ĉe la korto de l' faraonoj, la situacion de la izraelidoj ĝis la eliro. Ĝi estas tre rekomendinda.

**Prof. Sir Arthur Keith (M. D., D. Sc., LL. D., F. R. S.), Pri la origino de l' homo.** En Esperanto: Prof. WM. Brown k. F. R. A. McCornick. Prezo: broŝ. 1 ŝ. 9 p. k. 2 p. afranko, bind. 2 ŝ. 6 p. k. 3 p. afranko. Mendoj pogrande: The Esperanto Publishing Company, Ltd., 142, High Holborn, London, W. C. 1. — podetale: British Esperanto Ass., 142, High Holborn, London, W. C. 1. — Sub ĉi tiu titolo aperis la prezidanta parolado farita ĉe la kunveno de la Brita Asocio por la Antaŭenigo de Scienco, en Leeds (Anglujo) Aŭgusto 31-an 1927 kaj la lastatempaj traktatoj pri Darwinaj temoj. Ĉi tiu libro estas tre leginda kaj rekomendinda.

**V. Svistunov, Elementoj de Esperanto.** 2-a eldono Moskvo 1928. Eld.: C. K. SEU. — Ĉi tiu 95-paĝa, lerte aranĝita, riĉe ilustrita Esperantolernolibro kun aldonita vortaro kaj ruslingvaj klarigoj estas tre rekomendinda al ĉiuj rusoj intencantaj lerni la mondhelplingvon Esperanto.

**August Strindberg, La konscio riproĉas.** En Esperanto de G. H. Backmann. Eld.: G. H. Backmann, Ramlösa Brunn, Svedujo. Prezo: 1 sveda krono ekster sendkostoj. — Estis feliĉa ago de l' aŭtoro, precipe elekti ĉi tiun bonegan rakonton, kies grava temo montras al la leganto unu el la konfliktoj, el kiuj konsistas la homa vivo. Jam laŭenhave ĉi tiu verketo estas vere internacia kaj ĝuste tial precipe disvastiginda en la esperantanaro.

**Dim. Snejko, Okcidenta Blankrusio kaj Blankrusa Kamparan-Labo ista Unio „Gromada“.** Minsk 1928. Havebla ĉe „SAT“, Colmstr. 1, Leipzig-O-27. — La broŝureto, kiu celas la defendon de la Unio, estas jam tial tre interesa, ĉar ĝi bone enkondukas en la historion, la batalojn, suferadojn kaj tragikon de Blankrusio. Oni nur povas deziri al la verketo, ke ĝi trovu la grandan, vastan bazon, kiun ĝi serĉas kaj necese bezonas. Mi varme rekomendas ĝin.

Pluaj recenzoj kaj mencioj de ricevitaj libroj sekvos en la venonta numero.

# DIVERSAĴOJ.

## Internacia Adresaro de Esperanto-Instruistoj.

Tre ofte oni plendas, ke mankas statistiko pri la instruista Esperanto-movado. Tre ofte por oficejoj en komunumo aŭ por registaro speciale estas bezonata statistiko pri Esperanto-instruistaro. En la jaro 1929 ni tre necese bezonus tian adresaron, kiam ekz. la Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj decidos pri la akcepto de internacia helplingvo.

IPR nun posedas la adresojn de 3500 Esperanto-Instruistoj, al kiuj en 1928 estas sendita propagandekzemplero de IPR. Ĉu vi, gekolegoj, deziras aperigon de tiuj adresoj en internacia adresaro? IPR eldonus ĝin komence de Aprilo 1929 kaj jam nun atentigas la gekolegojn sendi antaŭmendojn al la administrejo. La adresaro ampleksos proksimume 128 paĝojn en la formato 13×18 cm kaj kostas 1 germ. markon por abonantoj de IPR 1929, por neabonantoj 1,50 gm. Se la prezo de libro poste estus pli alta, viaj antaŭmendoj ne plu estus devigaj por vi.

IPR nur aperigos la adresaron, se ĝis Decembro 1928 almenaŭ estas menditaj 500 ekzempleroj. Ni kompreneble devas eviti, ke per la aperigo de ne sufiĉe aĉetata adresaro IPR suferas iun malprofiton.

IPR intencas, sendi denove al ĉiuj 3500 instruistaj adresoj propagandkajeron, n-ron 1, 1929, kun la speciala peto, ekzameni la adreson de la koverto kaj tuj informi nin pri malkorektaĵoj aŭ ŝanĝoj. Per tio ni esperas, havigi al vi tre konfidindan internacian adresaron de Esperanto-instruistoj, kiun vi bone povas uzi kiel helpilon en via praktika internacia laboro kaj kiel propagandilon inter instruistaro kaj registaroj.

Per via tuja mendo, per kolekto de mendoj en via grupo vi plej bone povas akceli la eldonon de la projektita adresaro.

Por 5 libroj vi ricevos rabaton de 10%, por 10 libroj 20%.

## Instruistaj Ĉefkunvenoj.

En n-ro 2-3 de IPR aperigis raportojn pri la ĉefkunvenoj de instruistaj asocioj en la diversaj landoj. La dana instruista gazeto „Kobenhavens Kommuneskole“ (La Komuna Lernejo de Kopenhago) en n-ro 17 mencias tiun kajeron de IPR kaj demandas: „Ĉu ne estus bona ideo por „Nia Junularo“ (plej grava pedagogia revuo en Danujo), aperigi similan serion da informoj? Ili povus esti utilaj por niaj organizaĵoj kaj por kolegoj studvojaĝontaj en Eŭropo“. — Ni ĝojas pri tiu voĉo kaj kredas, ke sama opinio estas trovebla ankaŭ en aliaj redakcioj.

En Februaro 1929 aperos en IPR la raportoj pri la ĉefkunvenoj 1928 de la diverslandaj instruistaj asocioj. La raportintoj el 1927 estas petataj, sendi la novan materialon pri 1928 ĝis 31. Decembro. Lasta termino estas la 10-a Januaro 1929.

El kelkaj landoj mankas raportoj! Ĉu tie la kolegoj ne ŝatas, sendi informojn pri la laboroj de sia instruista asocio? Kiu volas raporti, postulu informon de IPR, ĉu la koncerna raporto jam estas prilaborata.

## SAT — Edukita Sekcio.

Okaze de la SAT-Kongreso en Göteborg ankaŭ la SAT-edukistoj havis fakkunvenon. La administranto de IPR estis proponinta TAGE-kunvenon en Göteborg, se necese en interligo kun la SAT-edukista kunsido. Bedaŭrinde tiu letero kaj la detalaj raportoj pri IPR kaj TAGE estis transdonataj al la adresito nur dum la lasta tago de la SAT-kongreso.

Partoprenis la edukistan kunsidon 25-30 kamaradoj.

Estis prelegataj letero de Boubou kaj la jarraporto kaj agadplano el „Sennaciulo", n-ro 197. Oni dankis al Boubou pro lia grava utila laboro, akceptis la agadplanon kaj promesis, pli bone subteni lin estonte. K-doj Starr, Klys kaj Johannson estis elektataj en kontrolkomitaton.

Ĉe la temo TAGE, SAT kaj Edukintern k-do Klys-Minsk konsilas, ne plu subteni IPR, sed la abonprezon sendi al Boubou por TEPS-informilo.

Tre bedaŭrinde pro ne-alveno de la raporto pri IPR kaj TAGE kaj pro interrompo de la kunsido post 3/4 horo la konsilo de k-do. Klys ne povis esti kontraŭparolata. En la nuna tre favora situacio inter la instruistaro, kiun sufiĉe klare skizis nia raporto, tiu konsilo estas tre danĝera. Estas tre facile, detrui iun verkon ol konstrui novan, pli bonan. Subtenu la admirindan laboron de Boubou, sed ne forgesu la taskon de IPR. K-do Boubou eĉ petis min, daŭrigi mian laboron por IPR.

Ni estas en danĝero, se ĉiu postulas gazeton laŭ sia gusto.

SAT 2190.

## Uzo de Esperanto por kolekto de pedagogiaj geografiaj poŝtkartoj.

La societo „Union Cartophile", Bern (Svislando), kunfondita de malnova svisa esperantisto propagandas la tutmondan uzon de karto-kolektado en kartoteko kun indekso starigita laŭ pedagogiaj vidpunktoj. Ĝi aperigis ankaŭ belegajn ilustritajn poŝtkartojn por pedagogiaj celoj en geografio. La kartoj portas resuman tekston en Esperanto kaj estas eksterordinare bonaj propagandiloj praktikaj kaj pedagogiaj. La serio estas daŭrigata pli amplekse. Ni jam proponis la aldonon de esperanto en klasifika indekso.

Ni tre varme rekomendas al ĉiuj interesitoj kaj precipe al pedagogoj interrilati kun la koncerna klubo, kiu estas serioza entrepreno kaj kiu korespondas en Esperanto. (Informo de C. O. de Esp.-movado.)

Adreso: Union-Cartophile, Schwanengasse 4, Bern (Svfslando).

## Notoj pri IPR.

Pri n-ro 2-3 de IPR atentigis: Bulgara Esperantisto (n-ro 10), Argentina Esperantisto (n-ro 24-25), Köbenhavns Kommuneskole (n-ro 17). Pri n-ro 4-5, IALA-kajero: Pola Esperantisto (n-ro 6), Svenska Esperanto-Tidningen (n-ro 6) Sennaciulo (n-ro 196). Esperanto-Junularo (n-ro 5-6), Heroldo de Esperanto (n-ro 26), Forta Voko (n-ro 5).

Pri n-ro 8, kajero de instituto J. J. Rousseau: La Socialisto-Wien (n-ro 8), gazeto de Hungaria Esperanto-Laboristaro (aŭgusto), The British Esperantist (n-ro 281).

## Avanco.

D-ro Trögel-Dresden, membro de TAGE kaj kunlaboranto de IPR, konata kiel oratoro kaj verkisto inter la Esperantistaro, estas nomita Distrikta Lernej-Inspektoro. Ni gratulas al nia samideano kaj esperas, ke sur tiu pli vasta laborkampo, sur kiu li havos intiman interligon kun la instruistaro de la tuta distrikto, li plue trovos okazon, servi al nia celo: Enkonduko de Esperanto en instruistaron kaj lernejon.

## Internaciaj pedagogiaj Kongresoj.

Mondkonferenco de la Mondunuiĝo por Nova Edukado, 8.—21. Aŭgusto 1929 en Kopenhago. Esperanto estos aplikata!

Kongreso de la Mondunuiĝo de Pedagogiaj Asocioj, 25. Julio — 4. Aŭgusto 1929 en Ĝenevo. Pri interrilato al Esperanto estos diskutata!

## Vojo de Klerigo.

Lingvajn kritikojn pri la Esperanto-resumfolio de Vojo de Klerigo niaj legantoj bonvolu direkti senpere al la ukrajna redakcio mem. Malgraŭ tiuj lingvaj kritikoj IPR daŭrigos dissendi la resumfolion kaj petas la gekolegojn, ne malatenti la grandan propagandvaloron ĝian, sed plene eluzi ĝin per prilaborado kaj transdono de informoj al redakcioj de vialandaj instruista gazetoj.

## Ni ne Dekuraĝiĝu!

Malgraŭ la persista propagando de nia esperantista samideanaro la sukceso ne estas proporcia al la enmetita energio, kial? — parte pro la senzorgeco de la kulturaj faktoroj, ankaŭ eĉ pro ilia antaŭjuĝema malamikeco, kaj — parte pro la inercio de la amasoj. La riproĉoj, kiujn oni faras al la esperantismo, estas pli de idea naturo ol de materia. Ofte oni aŭdas, ke nia „ismo“ estas pura utopio, la pasivuloj opinias, ke ankoraŭ ne venis tempo por ĝi. La alia asertas, ke la klopodo en tiu direkto restos senrezulta ĉe la malpli kulturaj nacioj, ĉar ili devos pli frue plenumi aliajn taskojn: „en la evoluo oni ne faras saltojn“. La trozorgemaj naciistoj timas, ke la triumfanta esperantismo detruos la personecon de iliaj nacioj kaj eĉ fizike nuligos ilin. Al aliaj batalemuloj ree ne plaĉas tiu hormoniiganta tendenco de esperantismo, ĉar ili kredas, ke ĝia realigo estus danĝera por homara progreso manke de ĉia instigo por plua ago, la vivo ja — diras ili — estas batalo.

Sed ĉio ĉi ne dekuraĝigu nin, nin utopiistojn, fantaziulojn, aventuristojn! Edukistoj de la nunaj kaj de estontaj generacioj, ni konscie klopodu ekstermi la bestecajn instinktojn en la homo kaj direktigi lian rigardon alten al la milda lumo de la verda stelo, batalante brave kontraŭ konservatismo, pasiveco, ŝovinismo kaj materialismo. Sub nia grandioza celo ĉiuj baraĵoj estas malgrandaj kaj nia fervoro malaperigos ilin. Erio (Jugoslavio).

## Popollernejaj Legolibroj?

Ĉar mi intencas, studi la tutmondan legolibran literaturon, mi bezonas precizajn sciigojn pri la popollernejaj legolibroj de la eŭropaj (ne germanaj) ĉefurboj, precipe de Parizo, Romo, Londono, Bruselo ktp. Mi petas la kolegojn el la supre nomitaj ĉefurboj, skribi al mi kaj komuniki al mi la verkistojn, titolojn, eldonistojn, jaron de la lasta eldono kaj la prezojn. Sed dezirata estas nur sciigo pri hodiaŭ fakte uzataj legolibroj. — La koncernaj gekolegoj estas petataj sin turni al D-ro Kraner, Neidenburger Str. 1-I, Dresden-Bühlau, Germanujo.

Presejo: Dr. Karl Pickert, Leitmeritz. Bohemio.

## *Propagando.*

*Se vi konas Esperanto-instruiston, kiu ne jam legas Int. Ped. Rev. bonvolu sciigi ties adreson al la administrejo.*